# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo* *Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 11/05/2017 Tricentdudekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **845,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo. https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La** Esperanta Retradio **donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# GRAMATIKA EKZERCO. 20.



## Ĉu "kiel" aŭ ĉu "ĉar" aŭ ĉu "se"?

Jen alia "kiel-aĵo" eŭropeca kun du malsamaj signifoj: *"Finu la laboron as I told you".* Unue tio povas signifi "en la maniero en kiu mi diris al ci", do "kiel mi diris al ci", kaj due tio povas signifi "ĉar mi tion al ci diris".

Plia kazo: *"Finu la laboron as you like".* Unue: "Finu la laboron se vi ŝatas" = "Finu la laboron se vi ŝatas fini la laboron", kaj due: "Finu la laboron en la maniero en kiu vi ŝatas fini la laboron", do aŭ *Finish the work if* ("se") *you want to* aŭ *Finish the work the way you like* (= "kiel").

Ofte oni povas certiĝi serĉante, ĉu oni povas meti "tiel" antaŭ "kiel". Se ne, oni ne povas uzi "kiel", ekzemple "Tiel kiel vi scias" kaj "tiel kiel (mi estis) juna infano" kaj "Tiel kiel mi diris al ci" kaj "Tiel kiel oni diris al mi" ne estas uzeblaj kaj devas tradukati per alia vorto aŭ esprimo, kiel menciita en Gramatikaj Ekzercoj n.roj 17, 18, 19, kaj 20. *Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Responde al Marcel (AE 317, p 3):

## Precipitaĵo en la Meteologio

La meteologia termino "precipitaĵo" jam uziĝis antaŭ la unua mondmilito en la franca (*précipitation, précipitations*) kaj en la angla (*precipitation*). Ekzemple:

- En la franca, ĝin uzis plurfoje la Meteologo kaj Profesoro pri terkultivo, Doktoro A.F.

Pouriau, en libreto eldonita en 1867. Ties titolo estis "*Les appareils météorologiques enregisteurs à l'exposition universelle de 1867*" [La Meteologiaj Registro-aparatoj ĉe la Universala Ekspozicio de 1867].
Ĝi ankaŭ aperis en pluraj libroj, kiujn tiutempe eldonis la eldonejo Larousse.

- En la angla, ĝi aperis — en multaj geografiaj artikoloj — en la enciclopedio Brittanica de 1911.

Tiu meteologia termino "precipitaĵo", en ĝiaj diverslingvaj formoj, estas internacie akceptita fakvorto. Ĝia signifo konsistas el pluraj signiferoj. Temas pri:

- akvaĵo
  el-atmosfera;
- ties falo ĝis la surfaco de la terglobo
  (aŭ almenaŭ ĝis surfaco de objekto staranta tie); kaj
- la kvanto (aŭ mezurebleco de la kvanto) de tia akvaĵo falinta
  sur iun tersurfacan areon

dum iu periodo.
(Do nubo, kaj strikto-sence nebulo, ne estas "precipitaĵo".)

Kontraste, Marcel volas uzi la vortojn "elnubiĝi" anstataŭ "precipiti" (fakte, "precipitiĝi") kaj "elnubaĵeroj" anstataŭ "precipitaĵo". Tiuj estas ordinaraj sed maloftaj vortoj — ne terminoj. Por meteologia uzo, mankas al ili la sekvantaj necesaj signiferoj: akv(aĵ)o, el-atmosfera, falado, ĝis la tera surfaco; ties mezurebleco aŭ kvanto laŭ areo kaj periodo. Plue, ili troemfazas la nocion "nubo", ĉar ne ĉiuj el-atmosferaj precipitaĵoj devenas de nubo.
La unua vorto "elnubiĝi" ja havas facile kompreneblan signifon. Oni jam diris en Esperanto:

- la suno elnubiĝis [aperis kvazaŭ el la nubo];
- la luno elnubiĝis [aperis kvazaŭ el la nubo].

Oni ankaŭ povas diri:

- la aviadilo elnubiĝis [aperis el la nubo].

Tiuj ekzemploj montras, ke la vortoj "elnubiĝi" kaj sekve "elnubaĵeroj" ne klare indikas akvaĵon, faladon, kvanton ktp. Tial, ili ne havas la saman signifon kiel la meteologiaj fakvortoj "precipitiĝi" kaj "precipitaĵo".

*Vilĉjo Aldridge*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

**Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.**



## Bona rakonto kaj bona Esperanto

### Ĉapitro 1 Mia infanaĝo (3a daŭrigato)

Iun tagon la najbara knabo Hilmer, kuniris kun mi por ludi sur la strato. Miaj gepatroj tiam havis kelkajn kanariojn, kaj ni prenis ilian manĝaĵon kun ni, ĉar ni deziris manĝigi la elefantojn. Nu, eble vi ne scias, ke estas elefantoj en Kopenhago, sed fakte troviĝas tie kelkaj. Ili staras subtenante la portalon super la strato "Ny Carlsbergvej", t.e. Nova Carlsbergvojo. Ĝi apartenas al la bierfarejo "Carlsberg", kaj oni povas en unu el la fenestroj vidi la filon de la fondinto, Carl Jacobsen kaj lian edzinon elrigardantaj al la multaj ĉevaltirataj bierveturiloj sur la strato.

Nu, Hilmer kaj mi iris tien kaj manĝigis la elefantojn. Ni metis po unu manplenon da kanaria manĝaĵo antaŭ la nazegon de ĉiu elefanto, kaj imagis al ni, ke la elefantoj manĝas ĝin. Dum la elefantoj manĝis, ni ekludis ion alian, kaj hodiaŭ neniu povas memori, kio okazis, sed subite mi estis tute sola, ĉar Hilmer foriris, kaj mi ne sciis, kie mi loĝas. Eble mi ekploris, ĉar mi estis nur infano. Subite iu sinjorino, ne! ne estis s-ino Jacobsen, diris ion al mi, kaj mi respondis, ke mi ne scias, kie mi loĝas. "Venu kun mi", ŝi diris, kaj prenis mian maneton. Ŝi venigis min al la policejo, kie ŝi lasis min ludanta kun iu el la policistoj. Mi ne scias, kiom longe mi restis tie, sed subite venis mia paĉjo dirante, "Nu bone, ni iru hejmen !" Li surmetis min sur sian biciklon, kaj ni preteriris "Enghave Plads". Tie staris malgranda orkestro de la Savarmeo ludanta kaj kantanta. Mia paĉjo haltigis sian bicikladon, kaj ni restis kaj aŭskultis, kaj ekde tiam ĉiam plaĉas al mi aŭdi muzikon kaj kantadon !

Iun dimanĉon estis festo en nia kvartalo. Mi estis tiam nur tre malgranda. Estis muziko kaj tio plaĉis al mi. Oni diris ke pli poste en la tago venos procesio konsistanta el multaj malsamaj homoj kaj bestoj. Mi antaŭĝojis, ĝis iu avertis min, ke sendube la azeno piedfrapos precipe min. Mi ne plu ĝojis, kaj rifuzis iri por rigardi la procesion. Mi estis timemulo !

*Daŭrigota* *Bob Felby*





Notu, ke estis mi kiu antaŭ multaj jaroj konsilis al Bob verki la libreton pri sia vivo kaj eldoni ĝin, por ke li povu uzi ĝin kiel necesan parton de sia ekzameno por la plej alta diplomo de Esperanto en Aŭstralio. La Ekzamena Komitato, kies estro estis mi, akceptis lian libron.

Amike, Marcel. *Marcel Leereveld*.

***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

# TRA LA MONDO – ankaŭ rete




Post malapero de la renoma revuo "El Popola Ĉinio" en 2001, ĉi jare ree aperis Esperanta, kolora papera gazeto en Ĉinio, kun la nomo **"Tra la mondo"**. Ĝi estas fondita de Trezoro Huang Yinbao, direktoro de Esperanto-Centro Ora Ponto. Formato de la revuo estas A4, aperas trimonate, kaj ĝi temas pri Esperantaj kaj kulturaj aferoj en Ĉinio.

La unua numero aperis en Januaro, kaj jen ĵus estis publikigita la 2-a numero.

La reta versio de la revuo estas **SENPAGE** elŝutebla el la retejo http://tra-la-mondo.esperanto-urbo.de - kiel rezulto de kunlaboro kun Interkultura Centro Herzberg (ICH) en Germanio.

Pri abonoj de la papera versio oni povas kontakti la eldoninton Trezoro Huang Yinbao ĉe trezoro@qq.com.

Szilvási László *Lingvo-Studio, L.S.* www.eventoj.hu





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo



La 6an de Majo venis Roger, Chris, Michael, John, Eunice, Ian.

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo. Roger Springer*



# El Adelajdo

La maja klubkunveno de adelajdanoj estis aparte interesa, ĉar ĝi havis du prelegojn.
Unue Benno Lang (la plej proksima dekstre) prezentis al la ĉeestantoj tri aziajn lingvojn: la ĉinan, la japanan kaj la korean.
La dua preleganto estis nia belga vizitanto Marc Cuffez (maldekstre en la mezo). Li parolis pri sia lando kaj pri la tiea E-movado.




Amike, *Katja Steele*



# El Perto



Sur la lasta informpaĝo de AE320 mi konstatis, ke mia nomo, Vera, estas #294. Kune kun Vicky, Wally, Yvan kaj Zachary ĝi troviĝas ĉe la fino de la listo.

Tio memorigis min pri la okazo kiam mi estis etulino kaj plendis pri io kion mi taksis nejusta al mi. Al miaj larmoj familia amiko, Marko, respondis en la kroata: "Vi estas sur la lasta paĝo de la kalendaro!" Nu, vere, mia naskiĝtago estas en decembro. Sed la turmenteta signifo de la diro estis, ke miaj opinioj gravis plej malmulte.

Mia familia nomo komencis per la majusklo A; en la lernejoj, instruist-kolegio kaj universitato mia nomo ĉiam estis aŭ la unua aŭ preskaŭ la unua.
Sed kiam mi edziniĝis mi fariĝis S-ino P.... kio forsendis min pli suben sur iu listo.
Nu, en kelkaj kazoj sendube estas preferinde esti omega al alfa!

Ĉion ĉi signifas absolute nenion, krom, ke ĝi estas mia respondo al la peto de Roger al ĉiuj legantoj de AE sendu ion por publikigi.

Feliĉan Tagon al ĉiuj patrinoj la venontan dimanĉon 😀. *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Semajna raporto de Melburno

**KUIRVESPERO**

Sabaton la 6an de Majo kvin homoj kunvenis ĉe Heather por vespero da kuirado. Ni antaŭe butikumis kaj aĉetis la ingrediencojn, kaj poste kune kuiris paeljon kaj bakis pavlovon. Je la fino de la vespero, restis neniom da pavlovo!

**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 7an de Majo naŭ homoj kunvenis ĉe "Cafe Beer Deluxe" en Federation Square. Ni babilis, gustumis framban bieron kaj eta grupo programis, celante havi "*hangman*"-ludon en Esperanto.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 8an de Majo dek homoj kunvenis ĉe Ross House, inkluzive de du gastoj el Japanujo. Ni babilis kaj gustumis japanajn manĝaĵojn.

**VENONTAJ KUNVENOJ** (Ni ne kunvenos dimanĉon la 14a de Majo pro la tago de patrinoj)

| | |
|---|---|
| Lundon 15an de Majo je 18:30 | Lunda kunveno ĉe Ross House, 247 Flinders Lane |
| Sabaton 27an de Majo je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

| | |
|---|---|
| Meetup – 767 | Instagram – 65 |
| Facebook – 290 | Telegram – 20 |
| Twitter – 239 | |

*Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Stuttgart skribas sin en Esperanto



Je monumenta enirejŝildo de nova tramtunelo, la urbo Stuttgart (Esperante Stutgarto) skribis sian nomon en 30 diversaj lingvoj. Je la sepa loko troviĝas "Stutgarto".

La konstruado de tiu tramtunelo estas parto de la trajnsistemprojekto "Stuttgart 21". La fifama "Stutgarto 21" kostos minimume 6,3 miliardo da Eŭroj kaj daŭros almenaŭ ĝis 2021. Momente ĝi estas la plej granda konstruejo de Eŭropo. Rainer prelegis pri tiu projekto en la Sidneja Esperantodomo en 2014.

La ŝildego kun la Esperantonomo "Stutgart" troviĝas en tre centra loko je Pariser Platz apud la nova stutgarta urbobibloteko. Ĉu vi povas diveni la aliajn lingvojn sur la ŝildo?




De Rainer Kurz, loĝanto de Stutgarto kaj Sidnejo.



**Jen letero de Richard**...kun bildo. Plej amike, *Sandor Horvath*

amikumu

Amikumu estas apo
(poŝtelefona aplikaĵo),
kiu helpos vin trovi kaj kontakti
proksimajn esperantistojn –
ĉiam, ĉie!

Proksimaj esperantistoj
Chuck Smith
Evildea
Anna
Vanessa Reiter
Benny Lewis
Lindsay
Jonny M
Cristina Villa
Laia

simple iru kaj elŝutu

GET IT ON Google Play

Download on the App Store

Saluton

Mi esperas, ke ĉio iras bone ĉe AEA. Mi bedaŭras, ke mi ne povis partopreni la brisbanan kongreson pro mia ĉeesto de la Junulara Esperanto-Semajno (JES) en Germanio.

Nun, mi kontaktas vin ĉar mi havas novaĵon pri Amikumu. Kiel vi verŝajne jam scias, la monkolekto per Kickstarter por Amikumu estis giganta sukceso. Vi povas legi pri la monkolekto ĉe nia oficiala kampanja paĝo:https://www.kickstarter.com/projects/1770123604/amikumu-the-app-to-use-languages-with-people-near/ En tute, ni kolektis €26,671 de esperantistoj, poliglotoj, asocioj kaj firmaoj por financi la apon (aplikaĵon). Preskaŭ duono de la financita subteno venis de poliglotoj kaj firmaoj / asocioj neesperantistaj. Tio pruvas, ke ĉi tiu apo utilas por multaj grupoj.

Dum la pasintaj monatoj, niaj programistoj vigle kaj diligente evoluigas la apon. Ĝi baldaŭ eniras sian beta-fazon, tiam je la fino de la monato, ni intencas debutigi ĝin al ĉiuj esperantistoj.

Kvankam la apo ankoraŭ ne estas publike eldonita, oni jam povas klare vidi, ke eĉ neesperantistoj ekinteresiĝas pri la apo. Jen niaj sukcesaj gazetanoncoj en diversaj lingvoj: https://amikumu.com/eo/gazetaro/



Ankaŭ, ni lanĉis nian oficialan retejon antaŭ kelkaj tagoj, ni komencas nun traduki ĝin diverslingven:https://amikumu.com/eo/. Se vi kontrolas la subon de nia ĉefpaĝo, vi povas vidi la emblemon de AEA inter niaj aliaj sponsoroj.

Amike, **Richard Delamore**



# AEA informas.





**Aŭstralia Esperanto-Asocio** C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2017-05-04 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon ĉeestis:
Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor; Ilia kaj Erlangga el Indonezio

### (1) DUA TRI-LANDA KONGRESO EN BEKASI (28/3 – 2/4/2018)

Ni daŭrigas la preparadon por la dua trilanda kongreso en marto 2018 en Bekasi.

* Ni esploris la proponitan flugfolion por la kongreso. Ĉiuj ŝatis la dezajnon. Dankon Joanne.
  Mankas ankoraŭ kelkaj detaloj.
* Mankas ankoraŭ unu instruisto….. Bv proponi
* Ni daŭrigas la diskuton kun Zhou-Mack, la muzikisto kaj Humphrey Tonkin,

la speciala gasto
* Inter la estraranoj nur Sandor indikis, ke li intencas partopreni la 2-an trilandan kongreson
* Partoprenantoj pagos por la bankedo surloke,… kaj ĝi estu ne tiel "luksa".

**(2) AMIKUMU**
Tiu apo estas baldaŭ preta. Bv subteni la projekton.
https://amikumu.com/eo/ Ni sendos mesaĝon al ĉiu AEA membro kun la propono aliĝi al "Amikumu".

Venonta kunveno: jaŭdon, la 18/05/2017 je la 17:00 (Melburna tempo)

Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor



# Precipitaĵo en la Meteologio

Responde al Marcel (AE 317, p 3):

La meteologia termino "precipitaĵo" jam uziĝis antaŭ la unua mondmilito en la franca (précipitation, précipitations) kaj en la angla (precipitation). Ekzemple:

- En la franca, ĝin uzis plurfoje la Meteologo kaj Profesoro pri terkultivo, Doktoro A.F. Pouriau, en libreto eldonita en 1867. Ties titolo estis "Les appareils météorologiques enregisteurs à l'exposition universelle de 1867" [La Meteologiaj Registro-aparatoj ĉe la Universala Ekspozicio de 1867].
  Ĝi ankaŭ aperis en pluraj libroj, kiujn tiutempe eldonis la eldonejo Larousse.
- En la angla, ĝi aperis — en multaj geografiaj artikoloj — en la enciclopedio Brittanica de 1911.

Tiu meteologia termino "precipitaĵo", en ĝiaj diverslingvaj formoj, estas internacie akceptita fakvorto. Ĝia signifo konsistas el pluraj signiferoj. Temas pri:

- akvaĵo
  el-atmosfera;
- ties falo ĝis la surfaco de la terglobo
  (aŭ almenaŭ ĝis surfaco de objekto staranta tie); kaj
- la kvanto (aŭ mezurebleco de la kvanto) de tia akvaĵo falinta
  sur iun tersurfacan areon dum iu periodo.

(Do nubo, kaj strikto-sence nebulo, ne estas "precipitaĵo".)

Kontraste, Marcel volas uzi la vortojn "elnubiĝi" anstataŭ "precipiti" (fakte, "precipitiĝi") kaj "elnubaĵeroj" anstataŭ "precipitaĵo". Tiuj estas ordinaraj sed maloftaj vortoj — ne terminoj. Por meteologia uzo, mankas al ili la sekvantaj necesaj signiferoj: akv(aĵ)o, el-atmosfera, falado, ĝis la tera surfaco; ties mezurebleco aŭ kvanto laŭ areo kaj periodo. Plue, ili troemfazas la nocion "nubo", ĉar ne ĉiuj el-atmosferaj precipitaĵoj devenas de nubo.
La unua vorto "elnubiĝi" ja havas facile kompreneblan signifon. Oni jam diris en Esperanto:

- la suno elnubiĝis [aperis kvazaŭ el la nubo];

- la luno elnubiĝis [aperis kvazaŭ el la nubo].

Oni ankaŭ povas diri:

- la aviadilo elnubiĝis [aperis el la nubo].

Tiuj ekzemploj montras, ke la vortoj "elnubiĝi" kaj sekve "elnubaĵeroj" ne klare indikas akvaĵon, faladon, kvanton ktp. Tial, ili ne havas la saman signifon kiel la meteologiaj fakvortoj "precipitiĝi" kaj "precipitaĵo".

*Vilĉjo Aldridge*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# FLAGOJ DE LA MONDO

Sendis *Esther Parris*

| Flago | Lando Ĉu vi konas la flagojn? |
|---|---|
| | Landnomo: Litovio (aŭ Litovujo)<br>Ĉefurbo: Vilno<br>Ŝtatestro: Dalia Grybauskaitė |
| | Landnomo: Maroko<br>Ĉefurbo: Rabato<br>Ŝtatestro: Mohamedo la 6-a |
| | Landnomo: Nikaragvo (malofte skribate Nikaragŭo)<br>Ĉefurbo: Managvo<br>Ŝtatestro: Daniel Ortega |
| | Landnomo: Panamo (oficiale Panama Respubliko)<br>Ĉefurbo: Panamurbo<br>Ŝtatestro: Isabel Saint Malo |
| | Landnomo: Rumanio (aŭ Rumanujo)<br>Ĉefurbo: Bukareŝto<br>Ŝtatestro: Klaus Johannis |
| | Landnomo: Sudano (oficiale Respubliko Sudano)<br>Ĉefurbo: Ĥartumo<br>Ŝtatestro: Omar al-Baŝir |
| | Landnomo: Svazilando (aŭ Svaziio aŭ Svaziujo)<br>Ĉefurbo: Lobambo<br>Ŝtatestro: Mswati III |
| | Landnomo: Tunizio<br>Ĉefurbo: Tunizo<br>Ŝtatestro: Beji Caid Essebsi |
| | Landnomo: Usono (oficiale la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Ameriko)<br>Ĉefurbo: Vaŝingtono<br>Ŝtatestro: Donald Trump |
| | Landnomo: Vjetnamio (aŭ Vjetnamujo)<br>Ĉefurbo: Hanojo<br>Ŝtatestro: Truong Tan Sang |

Aliaj flagoj

| Flago | Lando? |
|---|---|
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |
| | Landnomo:<br>Ĉefurbo:<br>Ŝtatestro: |

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

ekparolu




Spektu la filmeton pri Ekparolu!
http://edukado.net/ekparolu/prezento

**Celo de la projekto:**

- Doni eblon al la ĵuslernintoj de Esperanto parole apliki la lingvon, ensociiĝi kaj informi ilin pri la programoj, kursoj kaj pluaj ebloj de studoj
- Vaste eluzi la liberajn fortojn de la movadanoj partopreni en la plua edukado de komencintoj
- Fortigi la lokajn klubojn kaj la movadon




**Baza ideo**

Ene de edukado.net ni kreis programon, kie la du flankoj, nome **nevoj**/**nevinoj** (komencintoj) kaj **onkloj**/**onklinoj** (speciale trejnitaj esperantistoj) trovas unu la aliajn kaj povas havi skajpajn parolsesiojn.

Trovis *Roger Springer*

## 3ZZZ



En la elsendo de la 8a de majo Matt klarigas kial li vojaĝis al Usono kaj Grekujo kaj vi havos pli da konsiloj por esti sana kaj vigla.



Mi memorigas la membrojn de la grupo Esperanto en 3 zzz ke la jarkunveno okazos la 3an de junio en la radio stacio Albert strato Brunswick

Informas la kunvokanto, *Franciska Toubale*




Subtenu Vian



Novaĵleteron

